**REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND**

*22a jarkolekto n-ro 1 januaro-februaro 2017*

# Fenikso

Esperanto Nederland




GRUPO DE LA HAGA KLUBO DE TRAMISTOJ ESPERANTISTAJ „ĈIAM ANTAŬEN"
HAGO — NEDERLANDO.

# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EŬR 17,50.
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

## ESPERANTO NEDERLAND

*Prezidanto:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Sekretario:* PROVIZORE Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: s-ino Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan den IJssel l.a.demmendaal@planet.nl <kasisto@esperanto-nederland.nl

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Capelle aan den IJssel; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*:
<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen

## ENHAVO



## DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de januaro 2017. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## DE VIA REDAKTORO

Ĉion bonan por la nova jaro 2017.

GB

## ĈE LA FRONTPAĜO

Mi skribis al la Haga Tram-Muzeo, ĉu ili scias ion pri la frua foto kun Hagaj tramistoj. GB
Preskaŭ tuj venis reago: Vriendelijk dank voor uw email. Mij is gevraagd uw email te beantwoorden. Deze foto zal zijn gemaakt in 1908 of in 1909. De versierde tram is ter gelegenheid van de verjaardag van de toenmalige H.M. Koningin (31 augustus) versierd. In die jaren werd een wedstrijd uitgeschreven onder het trampersoneel om een aantal motorwagens te versieren. Deze versierde wagens reden ook op een aantal Haagse tramlijnen. Een van de wagens is hier afgebeeld als 'Esperanto-tram'. Dit is alles wat ik u hierover kan berichten.
Met vriendelijke groeten,

Frans Wellner
collectiebeheerder Stichting Haags Tram Museum

Sekvis tuj:
Multan dankon! La bildo (briefkaart) baldaŭ estos konservata en la "FelixArchief" (urba arĥivo de Antverpeno) kune kun aliaj arĥivajoj de "Flandra Esperanto-Ligo".

Cyreen Knockaert





## 1] De la estraro

**157a estrarkunsido**
Loes Demmendaal, Pieter Engwirda, Rob Moerbeek, Said Baluĉi, Andries Hovinga, la estraro de Esperanto Nederland, okazigis la oficialan 157an estrarkunsidon, sabate la 12-an de novembro 2016, en Kargadoor, Utreĥto. Kiel protokolanto helpis Arjen-Sjoerd de Vries.

**Prezidado**
Rob proponis, ke ekde la venonta kunsido ĉiufoje prezidu la kunsidon alia estrarano alterne.

**Ĝenerala voĉdono**
Pri la ĝenerala voĉdono pri statutŝanĝo de UEA ni informis vin en la antaŭa numero de Fenikso, per apartaj letero, broŝuro, voĉdonilo kaj ankaŭ en niaj retejoj. Ni dankas niajn aligitajn membrojn, ĉirkaŭ 130 personojn, kiuj partoprenis la aferon. Ni kalkulis ĉiujn voĉojn kaj surbaze de tio ni respondis oficiale al UEA pri la opinio de Esperanto Nederland.
Pri la detaloj ni ankoraŭfoje informos vin.

**Jarkunveno 2017 (la 26-a)**
La jarkunveno okazos sabate la 13an de majo 2017 en De Kargadoor, Oudegracht 36 - 3511 AP Utrecht,
tel. 030 - 231 0377, de la 10-a horo ĝis la 13-a, plus posttagmeza programo.
La tagordon vi legos aparte.

**Posttagmeza programo (Alvoko)**
Kiel kutime, kaj jam tradicie, ankaŭ ĉijare ni intencas, post la oficiala fermo de la jarkunveno, okazigi posttagmezan programon. Ni preferas aŭskulti iun ekster la estraro. Ĝis nun ne atingis la estraron propono. Se vi volas prelegi, ni invitas vin prezenti vian temon kaj skizon ĝis la fino de januaro 2017 al la sekretario:
sekretario@esperanto-nederland.nl
La proponoj de niaj junaj esperantistoj, kaj NEJ-anoj, estos des pli bonvenaj.

**Financo**
La estraro, laŭ la peto de la kasistino, decidis peti de Ralph Schmeits resti rajtigito ĉe la banko, kiel rezerva administranto. Kiel jam priparolite en la antaŭa numero, Loes sendis du leterojn al nepagintoj. La rezulto estas bona, sed restas listo de 25 homoj kiuj neniel reagis; multaj jam de jaroj ne pagis. La estraro decidis ke tiuj kiuj tri jarojn ne pagis, estos eksigitaj. Sendado de *Fenikso* eksterlanden estas relative multekosta afero: por 25 ekzempleroj po €75 ĉiunumere. Temas pri kel-



kaj membroj/abonoj, sed precipe pri interŝanĝ-ekzempleroj. Estas diversaj alternativoj por malpliigi la koston. La estraro post konsulto de la kasisto decidas jene: interŝanĝ-ekzempleroj estu sendataj kune kun *Monato* (kun ebla prokrasto), sed la membroj kaj abonantoj ekster Nederlando ricevu siajn ekzemplerojn kiel eble plej baldaŭ, do en aparta sendo.
Kiel longe la asocio plu eltenos? Surbaze de la nune aktuala situacio: dek jarojn, se ni daŭre subtenos la katedron; tio estas redecidota en 2018.
La financa estonteco de *Esperanto Nederland* estas konstanta temo dum preskaŭ ĉiu estrarkunsido.

**Arkivo**
La estraro decidis ke *Esperanto Nederland* daŭrigu la kontribuon al IISG, por ke tiu organizaĵo konservu niajn arkivojn. Se vi volas plie scii pri la arkivo, vi povas viziti, ekzemple, la retejon: https://search.socialhistory.org/Record/ARCH00543

**Beneluksa kongreso**
La beneluksa kongreso en Lier estis sukcesa kaj feliĉe partoprenis ankaŭ nederlandanoj. FEL petis ke *Esperanto Nederland* organizu Beneluksan kongreson venontjare. Estas nia zorgo ĉu ni havas sufiĉan homforton por tio. Eble en posta jaro ni ja sukcesos entrepreni tion.
La estraro tamen emfazas ke gravas ke *Esperanto Nederland* organizu aranĝojn por siaj membroj.

**Landa salutonto en UK**
Robin v.d. Vliet esprimis pretecon saluti la kongreson en Seulo. La estraro konsentis.

**Personaj iniciatoj propagandi pri Esperanto**
Francigo de "Esperanto Zo op Zak"
Venis peto por traduko de tiu libreto. La estraro principe konsentas. Tamen se ajna afero havos jurajn kaj financajn konsekvencojn por *Esperanto Nederland*, la koncerna petanto devos aparte interkonsenti kun la estraro.

***Subglasoj***
Marlijne Hemelaar proponis produkti informdonajn subglasojn laŭ germana ekzemplo. Ŝi pretas fari la produkton kaj financi la projekton, sed petas ke *Esperanto Nederland* prizorgu la distribuadon. Necesos konsenti pri la enhavo. Ineke pretas distribui ilin.

**Nederlandigo de tekstoj por esperanto.net**
Temas pri tekstoj disponigitaj de UEA. Ili pretos por tradukado komence de decembro. Se vi pretas helpi bonvolu informi nian sekretarion.

**Kontaktoj kun NEJ**
Kompreneblas ke nia asocio ne povos daŭrigi viglajn aktivadojn sen niaj junaj anoj kaj geamikoj.
Du estraranoj estas komisiitaj pripensi planon por pli organika rilato kun NEJ, pri financado, kotizoj ktp.
Ni petas ĉiujn, ĉefe NEJ-anojn, informi nin pri siaj opinioj, vidpunktoj, proponoj ktp.

**65-jariĝo de Alkmara klubo**
Kvankam ni aparte gratulis la klubon, la evento meritas ankoraŭfojan gratulon.

**Letero al Amikoj de Esperanto Nederland**
Rob kaj Ineke preparis belan leterforman informilon kiun oni sendis retpoŝte al la amikoj de Esperanto Nederland.

**2017 Jaro de gravaj eventoj**
La jaro 2017 estos Jaro de Zamenhof, Jaro de Turismo kaj Jaro de Lernanto.
Ni celas kolekti viajn opiniojn kaj kontribuojn tiurilatajn kaj se eble aranĝi kunvenon aŭ kunlabori kun interesataj grupoj. Viaj vortoj povos aperi en la koncernaj komunikiloj.
La unuan paŝon jam faris IEI (*Internacia Esperanto-Instituto*) kiu okazigis kunvenon en Hago kaj festis la Zamenhof-tagon, la 10an de decembro, en sia sidejo. Prelegis István Ertl pri la hungara Esperanto-literaturo. Adiaŭis la eksprezidanto de IEI, Ed Borsboom, kiu forlasis sian postenon post 20 jaroj, en festa etoso, akompanata de ŝaŭmvino. Ni dankas lin pro liaj servoj al la Esperanto-komunumo, kaj elkore deziras sukceson al la (ne tiom) nova prezidanto Piet Buijnster.

**Venonta estrarkunsido**
La venonta kunsido okazos sabate 21/1/2017 en Utreĥto.

2] **Jarkunveno 2017 (La 26-a) Sabate 13/05/2017** en Kargadoor, Oudegracht 36 - 3511 AP Utrecht. de la 10-a ĝis la 13-a horo.
Ĉiu membro povas reprezenti maksimume 2 aliajn membrojn, se li/ŝi transdonas subskribita(j)n mandato(j)n al la registranto ĉe la enirejo de la kunvenejo. La tagordo por la kunveno:

00. Alveno ekde la 10-a horo
01. Malfermo de la kunveno je la 10:30
02. Fikso de la tagordo kaj enevenintaĵoj
03. Protokolo pri la 25-a ĝenerala kunveno
04. Agadraporto pri 2016
05. Financaj raportoj pri 2016
*5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono*
*5.2. Rezultkonto pri 2016 kun klarigoj*
*5.3. Bilanco je 31-12-2016 kun klarigoj*
06. Proponoj
*6.1. Propono de la estraro*: fikso de la kotizoj por la venonta periodo
*6.2. Buĝeto kaj Laborplano 2017*
07. Elekto de prezidanto kaj sekretario de la estraro
La nuna estraro ekzistas el:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Rob Moerbeek | estrarano / prezidanto | 2015 - 2018 | prezidanto 2016/2017 |
| Pieter Engwirda | estrarano / sekretario | 2016 a-- 2019 | sekretario 2016/2017 |
| Loes Demmendaal | estrarano / kasisto | 2016 - 2019 | |
| Said Balouchi | estrarano | 2016 - 2019 | |
| Andries Hovinga | estrarano | 2016 - 2019 | |

Neniu demisias.
Pieter Engwirda pretas daŭrigi sian funkcion kiel sekretario por du jaroj (ĝis 2019)
Rob pretas daŭrigi kiel estrarano, sed preferas, ke pli juna transprenu la estraranecon: kandidatoj bonvenas.
Said Balouchi pretas fariĝi prezidanto dum unu jaro 2017/2018.

*7.1. Kaskontrol-komisiono* - Ni devas peti 3 novajn membrojn
*7.2. Arbitracia komisiono*: Anneke Schouten-Buijs (2016 -2019)
Johan Swenker (2014-2017) kaj Marc van Oostendorp (2014-2017)
Ni proponas reelekton de Johan Swenker kaj Marc van Oostendorp, sed invitas kandidatiĝojn.

08. Jubileantoj
09. Informoj pri diversaj temoj, interalie: La Beneluksa kongreso (Ĉu foje en Nederlando?)
10. Verloren van Themaat-premio
11. Ronddemandado
12. Fermo Je la 13-a.

**3] 2017: Tri Jaroj en unu.**
La estraro de Esperanto Nederland deziras al vi, ke la nova jaro estu por vi persone kaj proprarone bonŝanca, feliĉa, prospera. Kaj ĝi donu al ĉiuj aktivuloj inspiron kaj freŝan energion por plukonstrui pli bonan mondon kun justaj rilatoj ankaŭ danke al nia egalrajta lingvo.
2017 estas neordinara jaro, enhavanta eĉ tri Jarojn: Zamenhofan, porlernantan kaj turisman. Ĉi-jare ni memoras la geniulon, kiu donis al la mondo la bazon de nia plene funkcianta lingvo Esperanto: d-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, kiu forpasis la 14-an de aprilo 1917, nur 57-jara. Lia celado kulture servi al la monda paco ricevis la agnoskon de Unesko – kun 53 aliaj geniuloj, interalie Komenio. Antaŭ jarcento furiozis la unua mondmilito kun – almenaŭ laŭ Eŭropa skalo – neniam spertitaj damaĝoj kaj nombroj de viktimoj. Ĉu aparte ĉagrenis nian 'iniciatoron' ke ambaŭ flankoj provis pravigi sian perfortadon per komunikoj en Esperanto? Almenaŭ tio ne ripetiĝis en la dua mondmilito.




Sed la nuna Zamenhofa Jaro konsciigu nin pri la valoro de lia heredaĵo: ni povas ja interparoli kun 'la aliaj', ankaŭ se ili nomiĝas 'fremduloj', eĉ 'malamikoj'. Kiugrade eblas al ni eduki nin ĝis tiu kapablo? Pli konkrete: Kiujn kontaktojn nederlandaj pioniroj havis kun Zamenhof mem? La avo kaj patrino de Tanja van Huis eĉ vizitis la 'Majstron' por ekscii la ĝustan prononcon de la lingvo. Kaj en "Originala Verkaro" ni povas legi du poŝtkartojn adresitajn al Hindrik Jan Bulthuis.



La sama Unesko jam pasintjare lanĉis la *Jaron de la Lernanto*. Por ni ĝi daŭros ĝis en la jubilea, 50-a ILEI-kongreso en Busan, samkiel la 102-a UK en Koreio. UEA kaj ILEI (la faka asocio pri instruado) inaŭguris ĝin en la 101-a Universala Kongreso en Nitro, Slovakio, pasintjare. Jam en la tuj sekva ILEI-konferenco ĝi startis laŭ la kongrestemo "Novaj formoj de lernado". La ĉefa mesaĝo estas, ke ni ne plu diktu sciaĵojn, sed lernantoj mem trovu sian sciaron, inspirate de la instruanto. (Tute samteme aperis la leginda 3031a volumeto en la serio 'Aktualaj temoj' de Institucio por Individua Evoluo: 'Kio estas instrui? Stimulu lernantojn pensi kree' de Coen Free. Nov. 2016.)




Utila sinteno, kiu lasas la iniciaton al la nature lernemaj infanoj, ne sufokendaj per rigoraj taskoj. Same okazu kun retkursanoj de i.a. *Duolingo*, kies Esperanto-kurso jam allogis duonmilionon da interesiĝantoj. En nia lando *Esperanto Nederland* havigas al ili lokon en du kursosemajnfinoj jare, kun ĝojiga sukceso. Ankaŭ la ĉiusemajnaj ludotagoj de NEJ havas bonegan efikon. Kaj entuziasmiĝas la engaĝo de *Internacia Esperanto-Instituto*, kiu organiuzis jam du kunvenojn por la retkursanoj. Ĝuste en la reto mem Katalin Kováts, same en Hago, organizas la programon "Ekparolu:", por kiu ŝi edukas 'geonklojn' kiuj konversaciigas novajn Esperanto-uzantojn. Ni memoru, ke ŝi pretas altigi nian lingvonivelon, se sufiĉaj el ni montras interesiĝon.
Kion ni ceteraj en aŭ ekster NGGE povas kontribui? Se ne mankas tempo kaj lingva nivelo, eblas en nia loko anonci nian pretecon helpi al la retkursanoj almenaŭ lerni la ĝustan prononcadon, eble ankaŭ konversacii en nia lingvo. Se la multaj ekzercomaterialoj kaj informoj pri literaturo en 'edukado.net' ne estas atingeblaj, ankaŭ NGGE volonte rekomendas. Ekzemple depende de la sinteno de la kursano eblas prezenti "Faktoj kaj Fantazioj", "Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo", "La verda koro" aŭ "Gerda malaperis!", sed ankaŭ revuaj tekstoj ("La Praktiko", "Kontakto" , foje klubaj bultenoj) povas bone servi. Bonan kuraĝon!

Kaj la oktobra studotago de NGGE okupis almenaŭ unu membrinon, la estraron kaj tri TEJO/UEA-volontulojn, Temis pri korea literaturo, ĉar nin interesas kultura interŝanĝo, kiun ebligas la Universalaj Kongresoj. Iom postlame ni honoris ankoraŭ la francan humuron, nodante stilfigurajn al la ege riĉa "Festeno" de Raymond Schwartz.




Se vi parkerigas ĝin, vi rimarkas ĝiajn lertaĵojn.

Sed estas ankoraŭ tria Jaro en 2017: Laŭ decido de Unesko ĝi estas ankaŭ Jaro de Turismo. Ĝuste tion emfazas la kongresa temo de la 102-a UK en Seulo: Respekta turismo, rilate la kulturon kaj – ne last-range – la naturon. Kaj ni konsciu ke por kultura interŝanĝo ni konu nian propran kulturon. Tiucele LAR, La Amsterdama Rondo, kolektas personajn spertojn pri la lokaj muzeoj, la Alkmara Klubo (Johan van der Hoek) eldonas belajn broŝuretojn pri la ĉirkaŭaj interesaĵoj por sia ĝemelurbaj kontaktoj. Kaj jen plia argumento agi por "Ĝemelaj Urboj", la fako de nia estrarano Pieter Engwirda. Ni deziras al vi viglan partoprenon en almenaŭ unu el la tri Jaroj de 2017.

Rob Moerbeek.

PS : La temo de la UK estas "Turismo kaj Evoluo: Vojo al Daŭripovo".

## EL MIA LETERKESTO

1] Antaŭ kelka tempo **mi aŭdis la vorton "emoĝi"**, kaj mi guglis ĝin. Jen traduko de la klarigo, kiun la norvega Vikipedio donas. Mi ne garantias pri ĝia vereco: se Vikipedio mensogas, ankaŭ MI mensogas, sed legu:

"Emoji estas ideogramo aŭ rideta vizaĝo uzata en elektronikaj mesaĝoj aŭ sur retpaĝoj. La vorto devenas de la japana vorto emodzi (絵文字), kiu siavice estas kunmetita de la vortoj "e" (bildo) kaj "moji" (signo); tiel eblas ĝin traduki per "bildosigno". Emoji-o ne nur donas pli ekscitan kaj kolorriĉan tekstmesaĝon, sed ankaŭ esprimas sentojn. En poŝtelefonoj kaj iuj komputiloj emoji-oj kuŝas en aparta klavaro, kaj tial ne necesas alŝuti emoji-aplikaĵon."

Se la informo pri la japana deveno estas vera (tion konfirmu aŭ malkonfirmu konantoj de la japana), **oni povus en Esperanton enkonduki la vorton "emoĝio" aŭ eventuale la paŭsaĵon "bildosigno". La eŭropa formo "emoticon" evidente estas kunfando de "emotion" kaj "icon", sed eble oni ekuzis tiun kunfandon pro sona simileco al "emoĝi".**

**Otto Prytz**
**membro de Akademio de Esperanto**

2] Antaŭ nelonge, por uzi krediton pri kinejo Pathé antaŭ limdato, **mi vizitis la filmon Captain Fantastic**. En si mem jam vidinda filmo, laŭ mia opinio. **Mi surpriziĝis pri uzo de pluraj frazoj en Esperanto! Antaŭe mi ne konsciis pri tio, aŭdi nian lingvon preskaŭ senakcente**... Domaĝe la patro nur permesis la infanojn uzi ĝin «kiam ĝi estos vere parolata ĉie en la mondo....» Tamen bela episodeto!

Korine Cheizoo

3] http://www.artikoltraduk.nl/

**Interessante webpagina om hier en daar te vermelden! Ik heb de tekst al op mijn Facebookpagina gezet.**

**Ineke Emmelkamp**

**4] Esperanto ne necesas**

Pli frue en la jaro la superbazaroj Ahold (NL) kaj Delhaize (B) kuniĝis, aú pli ĝuste: Ahold aĉetis Delhaizen. Tuj post la aĉeto la Ahold-estro Dick Boer dekretis ke la angla estu la trafiklingvo ene de la nova grandspicejego. Kial? Ambaŭ firmoj uzas la nederlandan kaj Delhaize krome la francan. Neniu uzas la anglan kaj tiu lingvo ĉirilate neniel kontribuas. Montiĝas, ke granda parto de la Delhaize-personaro estas dulingva kaj ke preskaŭ neniu ĉe Ahold regas la francan, do estas unulingva. Dick Boer do timis, ke la Aholdanoj havas malavantaĝon pro tio kaj ke estonte pli da Belgoj okupos gvidajn funkciojn. Li nun supozas ke la deviga uzado de la angla ene de AH/Delhaize preventos tion kaj eĉ inverse la Nederlandanoj ekhavos iun avantaĝon, ĉar ĝenerale Nederlandanoj pli ofte regas la anglan (pli-malpli) ol Belgoj.

Leginte la anglalingvajn etikedojn sur la bazaj produktoj sur la bretoj de AH, vi certe havas imagon pli la nivelo de tiu lingvo en tiu kompanio. La produktoj estu bazaj, la anglaj tekstoj sur la etikedoj ofte estas eĉ sub la baza nivelo. Cetere, tiujn anglajn tekstojn oni uzas nur sur produktoj vendataj en Nederlando (!). Oficiale Ahold deklaras ke la internaciiĝo de la kompanio ĝustigas la aplikon de la angla. Verŝajne Dick Boer neniam aŭdis pri la neŭtraleco de Esperanto.

(fonto: Nieuwsbrief St. Taalverdediging, nr.3/2016).

**Kees Ruig**

5] Mi bone ricevis la *Fenikson* 21:6 de novembro-decembro 2016 kaj mi vere dankas s-inon Loes Demmendaal por la bona trafa artikolo pri la kongresa urbeto Nitra. Mi ankaŭ ame dankas Em. van Damme por la bela religia poemo de Nikolai KURZENS pri io granda kaj la Grandon.

**Frans Cobben**

6] Jolanta van Holstein kaj ankaŭ mi rimarkis ke la tabelo kun la rezultoj de la voĉdonadoj en la novembro-numero de *Fenikso* ne estas korekta!

La jes-respondoj ĉe Pieter Engwierda (sekretario) verŝajne devas esti 20

La jes-respondoj ĉe Said verŝajne devas esti 25

La jes-respondoj ĉe Andries verŝajne devas esti 25

Bv. meti korekton en venontan Fenikson.

**Piet Buijnsters**

## FILMETOJ RETE

1] Ĵomart kaj Nataŝa ludis propran version de la konata kanto «Sed tute ne gravas» de Amplifiki en la 75a Hispana Kongreso de Esperanto, 2016.

https://youtu.be/3jajYQsi1Xs

2] Kiel tradicio, fine de la spektaklo «Vivu la teatro» la partoprenantoj venas sur la scenejon por kune tosti per bona ruĝa vino kaj aparta tosto-formulo gvidata de Miguel Fernández.

Sanon kaj Esperanton! https://youtu.be/_qy5IduU3zE

3] Rendevue kun la Ibera Skolo (1a parto) – 75a HEK https://youtu.be/awdDYXlVjsk

4] Abel Montagut, aŭtoro de "Poemo de Utnoa", parolas pri siaj nunaj prilaborataj verkoj kaj projektoj ene de la programero «Rendevue kun la Ibera Skolo» de la 75a HEK:

https://youtu.be/wVSAXRmdkcc

5] Ĝuu la hispanan kanton *Luna* de la hispana grupo *Cronómetrobudú.* Bela surprizo!

*https://youtu.be/MVedVEDzDMI*



Alexander William Thomson (1896- 1982) estis brita esperantisto de 1911, honora membro de UEA kaj emerita komerca komizo. Fondinto de la Skolta Esperantista Ligo (1918).
Verkoj: *Rimvortaro esperanta*, *Memuaro pri geografiaj nomoj*, *Gutaro* (poemaro).

| **KVIN SENTOJ** | ***Vijf zinnen*** |
|---|---|
| Mi havas okulojn por vidi, | *Ik heb ogen om te zien,* |
| Kaj foje mi devas ekridi, | *En soms moet ik beginnen te lachen,* |
| Ĉar multaj personoj | *Want vele mensen* |
| Sin montras friponoj, | *Tonen zich deugnieten,* |
| Volante min ruze perfidi. | *Omdat ze mij listig willen verraden.* |
| | |
| Mi havas orelojn por aŭdi, | *Ik heb oren om te horen,* |
| Kaj foje mi devas aplaŭdi | *En soms moet ik applaudisseren* |
| (Pro nura ĝentilo) | *(Uit simpele beleefdheid)* |
| Pri vaka babilo - | *Om een zinloos gebabbel -* |
| Sincere mi ne povas laŭdi. | *Oprecht gezegd: prijzen kan ik het niet.* |
| | |
| Nu, nazon mi havas por flari - | *Nu, een neus heb ik om te ruiken -* |
| Scivole ĝi emas elstari; | *Nieuwsgierig is hij geneigd zich uit te steken,* |
| Sed multaj odoroj | *Maar vele geuren* |
| Ne ŝvebas el floroj - | *Zweven niet uit bloemen -* |
| Pri tiaj ne eblas erari. | *Daarover kun je niet mis zijn.* |
| | |
| Per lango mi povas gustumi, | *Met de tong kan ik proeven,* |
| Kaj foje abele ekzumi - | *En soms zoemen als een bij -* |
| Se troan mustardon | *Als ik te veel mosterd* |
| Mi sternas sur lardon, | *smeer op het spek,* |
| Ĝin larme mi devas konsumi. | *Dat moet ik opeten met tranen in de ogen.* |
| | |
| Dek fingrojn mi havas por tuŝi; | *Tien vingers heb ik om aan te raken;* |
| Por pencon en poŝon enpuŝi; | *Om een stuiver in de zak te duwen,* |
| Se mono ne mankas, | *Als het geld niet mankeert,* |
| Fervore mi dankas - | *Bedank ik met grote ijver -* |
| Versaĉojn mi plu povos fuŝi ! | *Rijmelarijen zal ik nog verder kunnen verknoeien !* |

**SENTOJ aŭ SENSOJ?**

Kio estas sento°? *gevoel*

Sento estas agrable aŭ malagrable konsciata sensaĵo° (PIV). *zintuiglijke waarneming*

Ekzemple?

havi agrablan **senton de**... varmo, komforto.
havi malagrablan senton de... honto, ĉagreno.
havi la **senton, ke / kvazaŭ** oni ...eraras, ridindiĝas°, svenos°. *wordt belachelijk; flauwvallen*

Stranĝa titolo, ĉu ne? Pri kiuj kvin sentoj la poeto parolas? Ĉar estas tiom da ili !

En la unua verso temas tamen pri niaj okuloj kaj pri unu el niaj kvin **sensoj**.

Kio aliaflanke° estas senso°? *anderzijds;zintuig*

Senso korpa kabablo per kiu oni ricevas sciigojn° de la ekstera medio (PIV). *mededeling*

La kvin sensoj estas ?

la vidado, la aŭdado, la flarado°, *reuk*
la gustumado kaj la tuŝado / *'vi aŭ fla gu tu'/*.

Do jen ne konfuzendaj° vortoj ! *niet te verwarren*

Ĉu la aŭtoro eraris?

PIV indikas ke oni ne uzu 'sento' en la signifo de 'senso'. Sed la poeto verkis multe pli frue, do nun temas pri arkaismo.

**ZAMENHOF pri SENTO**

*(La ZAMENHOFAJ PROVERBOJ estas utilaj por lerni vortojn en facile memorebla kunteksto kaj aldone por stimuli laŭokaze nian saĝecon°).* *wijsheid*

**1) Ĉiu vivas laŭ sia prudento kaj... sento.**

*Laŭvorte: Iedereen leeft volgens zijn wijsheid en*

*gevoelens.*
**2) De fremda dento** … **ni doloron ne sentas.**
*Laŭv.: Van een vreemde tand voelen we geen pijn.*
Alivorte? Bela pruvo de... egoismo.
**3) Kion koro sentas, lango** **prezentas.**
*Laŭv.: Wat het hart voelt, toont de tong.*
*Waar het hart van vol is, loopt de mond van over.*
Ĉu vere?
Ekz. Esprimi al iu la sentojn, kiujn oni havas por tiu. Ĉu tamen kelkfoje ies° paroloj ne... *iemands* reflektas siajn proprajn **sentojn**?

**ZAMENHOF pri SENSOJ**

__Okuloj__ (verso 1)
**1)** Al koro **penetro**° **per** … **okula fenestro.**
*Laŭv.: Langs de vensterogen het hart binnendringen.*
Jen poezia maniero por diri kiel iu **enamiĝas al** iu alia, nome° pro simpla **ekvido**°. *namelijk; oogopslag*
**2) De l' koro spegulo** estas la … **okulo.**
*Laŭv.: Van het hart zijn de ogen de spiegels.*
*De ogen zijn de spiegel van de ziel.*
Efektive, ies sentoj ofte respegulas en … ties° okulojn. *diens*
**3) La steloj lumis kiel** la okuloj... de amantaj paroj.
*Laŭv.: De sterren schitterden als de ogen van verliefde paren.*
Jen alia maniero por diri, ke okuloj estas esprimilo de sentoj.
**4) For de** l'okuloj, **for de** la koro.
*Uit het oog, uit het hart.*
Ĉu tio veras ĉiam?
Komparu: **Antaŭ okuloj ne** staras, doloron ne faras.
*Laŭv.: Staat niet voor de ogen, ...doet geen pijn.*
Kio ne farus doloron?
Tio, kion oni ne vidas. (Kiam vere kaj kiam ne?)
**5) Se okulo** ne vidas, **koro** … ne avidas.
*Laŭv.: Als het oog niet ziet, begeert het hart niet.*
Ĉu la koro vere ne povas avidi sen … esti vidinta°? *gezien te hebben*
**6) Tien okuloj iras,** **kien** la koro deziras.
*Laŭv.: Daarheen gaan de ogen, waarnaar het hart verlangt.*
Ĉiu el ni certe jam spertis tion ? Sed ĉu tio ĉiam veras? Ĉu ankaŭ la inverso° eblas? *tegengestelde*
Kaj la timo°? *vrees*
**7) Timo havas grandajn...** okulojn.
*Laŭv.: Angst heeft grote ogen.*
*Grote ogen opzetten van angst.*
Kial tio?
Konsciante pri danĝeroj, oni emas° ilin *geneigd* grandigi aŭ ili grandiĝas memstare°. *zelfstandig*
**8) Antaŭ tima okulo** potenciĝas... eĉ kulo.
*Laŭv.: Tegenover een bang oog krijgt zelfs een mug macht.*
Kial?
Tima okulo esprimas mankon de … kuraĝo.
**9) Streĉi la okulojn.**
*Laŭv.: De ogen inspannen.*
Okulo estas ilo° de... atento kaj intereso. *middel*
Laŭokaze oni devas ilin streĉi.
**10) Iafoje** oni devas okulon … **fermeti.**
*Laŭv.: Soms moet men een oog luiken.*
Kelkfoje oni ne devas esti severa, sed indulg(em)a°. *toegeeflijk*
**11) Kiu tro alten** rigardon direktas, **okulojn** tre baldaŭ difektas.
*Laŭv.: Wie zijn blik te hoog richt, bederft zeer weldra zijn ogen.*
Alivorte: Kiu **troigas** en siaj deziroj, kiu estas tro ambicia, **spertos** domaĝon°. *schade*
**12) Okuloj** estas **pli grandaj** … **ol** la ventro.
*Laŭv.: De ogen zijn groter dan de buik.*
La okulo instigas° iun manĝi pli ol la *aansporen* ventro toleras.
**13) Pli da okuloj, pli** … da certeco.
*Laŭv.: Hoe meer ogen, hoe meer zekerheid.*
Kp.: **Rigardi** per **ambaŭ** okuloj.
*Laŭv.: Kijken met beide ogen.*
Alivorte: ege atente. Dirinda ekzemple kiam?
**14) Se okulo ne vidis,** pagas... la poŝo.
*Laŭv.: Als de ogen niet gezien hebben, betaalt de zak.*
Malatentulo° devas pagi por... *wie niet oplet* eventualaj domaĝoj.
**15)** Ŝuti polvon en **la** okulojn.
*Laŭv.: Stof in de ogen strooien.*
*Iemand een rad voor de ogen draaien.*
Kiucele° iu farus **tiaĵon**°? *met welk doel; zoiets*
Por **malebligi**° al iu vidi la veron, *beletten* alivorte por **trompi**° iun. *bedriegen*
**16) Nebuligi**° **al iu** … **la okulojn.**
*Laŭv.: iemands ogen benevelen.*
=? Sama ideo.
**17)** Al **loko dolora** ni... **manon** etendas, al loko **ĉarma**... **okulojn** ni sendas.
*Laŭv.: Naar een pijnlijke plaats reiken we de hand, naar een lieflijke plaats richten we de ogen.*
Ĉu ankaŭ la inverso° eblus? *omgekeerde*

__Orelo__ (verso 6)
**1) La muroj** havas... orelojn. =?
*Laŭv.: De muren hebben oren.*
Estu singarda°! Iu povus *voorzichtig* subaŭskulti°. *afluisteren*
**2) Diri ion en...** ies orelon.=?
*Laŭv.: Iets in iemands oor zeggen.*
= Rakonti sekrete.
**3) Ne kredu** al orelo, kredu al..... **okulo !**
*Laŭv.: Geloof niet wat je hoort, geloof wat je ziet.*
Ne kredu rakontojn. Kredu nur tion, kion … vi vidas. (Ĉu vere?)
Ĉu tamen kredi sian **legaĵon**? Ne necese.
**4) Per oreloj,** ne per okuloj, **edzinon** elektu !
*Laŭv.:Kies een echtgenote via de oren, niet via de ogen.*
Kial tio? Ne lasu ies aspekton influi vin.
**5) Sidi** en laboro... **ĝis super** la oreloj.
*Tot over de oren in het werk zitten.*
Kial la oreloj? Jen signo, ke oni baldaŭ... dronos°. *verdrinken*
**6) Tra unu orelo eniras,** tra la dua **eliras.**
*Laŭv.: Het ene oor in, het andere oor uit.*
Jen dirinda pri kia homo?
Pri **forgesemulo**°? *vergeetachtige*
**7)** Se tio **venus al**... liaj oreloj.
*Laŭv.: Als dat aan zijn oren zou komen.*

__Nazo__ (verso 11)
**1)** En **fremdan vazon** ne … ŝovu la nazon.
*Laŭv.:in een vreemde vaas steek je neus niet in.*
Alivorte? Ne enmiksiĝu en aliulaj aferojn.
**2)** Li atendas, ke la **okazo** venu... al lia **nazo**.
*Laŭv.: Hij wacht tot de gelegenheid aan zijn neus komt.*
Li estas komfortama°. *gemakzuchtig*
**3)** Li **foriris** kun **longa** … nazo.
*Laŭv.: Hij ging weg met een lange neus.*
Pro kio?
pro mistrafo°, elreviĝo°. *; misstap; ontgoocheling*
**4)** Li **tenas** la nazon **supren.**
*Laŭv.: Hij houdt zijn neus omhoog.*
=? Li estas arogante fiera.
**5) Malproksime** vidas, **antaŭ la nazo** ne vidas.
*Laŭv.: Ver ziet hij, vóór de neus ziet hij niet.*
Pri kia homo dirinda? Ĉu pri malatentulo°? *onoplettende*

__Lango__ (verso 16)
**1)** La **lango** ne doloras de... **vorto ĝentila**.
*Laŭv.: De tong heeft geen pijn van beleefde woorden.*
Kiam dirinda?
Se iu parolis maldelikate.
**2) Langa vundo**° plej... profunda.
*Laŭv.: De wonde door de tong is het diepste.*
*Woorden kunnen diep kwetsen.*
**3)** Lango **miela, sed** … koro kruela.
*Laŭv.: Honingzoete tong, maar wreed hart.*
Honto ! Kia perfidulo° ! *valsaard*
**4)** Kio en la **kapo**, tio sur … la **lango**.
*Laŭv.: Wat in het hoofd is, dat is op de tong.*
Alivorte, paroloj perfidas° ies ideojn. ° *verraden*

__Tuŝi__ (verso 21)
**1) Kio min ne tuŝas,...** **kuŝu kiel kuŝas.**
*Laŭv.: Wat mij niet aanraakt, mag gaan liggen zoals het ligt.*
**2)** Lin **tuŝas nek** admono°, **nek** ordono. *aansporing*
*Laŭv.: Hem treft noch een aansporing, noch een bevel.*
*Hij doet alleen maar zijn zin.*
**3) Min ne tuŝas** la afero, **mi staras** ekstere.
*Laŭv.: Mij raakt de zaak niet, ik sta erbuiten.*

**ZAMENHOF pri MONO** (verso 23)
**1) Al mono** kaj forto **humiliĝas**° la sorto.
*Laŭv.: Voor geld en macht vernedert zich het lot.*
Alivorte, tiuj du povas influi° ies sorton°. *beïnvloeden, lot*
**2) Al sklavo mon'** ne estas **savo**°, --- li ĉiam restas sklavo.
*Laŭv.: Voor de slaaf is geld geen redding, hij blijft altijd slaaf.*
Ĉu vere ?
**3) Al tiu ĉio cedas**°**,** kiu... monon posedas.
*Laŭv.: Voor die wijkt alles, die geld bezit.*
Tamen devas esti eble, trovi esceptojn, ĉar... (la escepto pravigas° la regulon). *rechtvaardigt*
**4) Amo estas forta, sed mono...** **pli forta.**
*Laŭv.: De liefde is sterk, maar geld is sterker.*
Kial do la malo° ne eblus? *tegengestelde*
**5) Pli da mono,** pli da zorgo.
*Laŭv.: Hoe meer geld, hoe meer zorgen.*
Ĉu kredeble?
**6) Mono** estas **reĝo,** mono estas **leĝo.**
*Laŭv.: Geld is koning, geld is wet.*
**7) Mono odoron** ne havas, sian devenon ne diras.
*Laŭv.: Geld heeft geen geur, zijn oorsprong zegt het niet.*
**8)** Mono **monon** naskas.
*Laŭv.: Geld baart geld.*
Kiu estas riĉa daŭre... pliriĉiĝas.
**9) Mono fluas al** riĉulo, **batoj al** malriĉulo.
*Laŭv.: Geld vloeit naar de rijkaard, slagen naar de arme.*
**10) Naskiĝu**, edziĝu kaj mortu, --- **ĉiam** monon alportu.
*Laŭv.: Word geboren, trouw en sterf-- breng altijd ...*
Ĉu ne jen bonega konsilo°, ĉar...? *raad*
surtere ĉio... kostas ?
**11) Perdiĝas** per pruntedono **amiko** kaj mono.
*Laŭv.: Door uitlening gaan vriend en geld teloor.*

**12) Pli bone** homo sen mono ol mono sen homo.
*Laŭv.: Beter een mens zonder geld dan geld zonder mens*
**13) Sen mono** oni estas nulo, **kun mono** ---saĝulo.
*Laŭv.: Zonder geld is men 'n nul, met geld ...een wijze.*
Ĉu vere? Ĉu tio kredeblas?
**14) Titolo sen mono** ---sensignifa sono.
*Laŭv.: Eretitel zonder geld ---nietszeggend geluid.*
Ĉu ne jen surpriza la**ŭdo**° de la mono? *lof*

**PLIE PRI KELKAJ VORTOJ EL LA POEMO**

**Mustardo** (verso 18) *specerij*
= spicaĵo° el pistitaj° semoj° de *fijngestampt; zaad*
blanka sinapo°, miksitaj kun vinagro. *mosterdplant*
Ĉu vi ŝatas spici° lardon per mustardo? *kruiden*

**Larmo** (verso 20)
PIV: guto de saleca° likvo, kiu elfluas el *zoutig*
la okuloj pro° fizikaj aŭ sentaj kaŭzoj. *wegens*
Kio **venigas** al vi **larmojn** en la **okulojn**?
Elektu: malbona? granda? glacia?
novaĵo? emocio? ĝojo? vento?
Ridegi° ĝis **larmoj** = ? *schaterlachen*
Oni povas tiom forte ridegi, ke oni larmas.
**Larmi**° kaj cepoj°?, *wenen; ui, ajuin*
senŝeligante° ilin; larmi pro fumo° *pellend; rook*
Kial bezonatas tiakaze **poŝtuko**?
Por viŝi al si la larmojn el la okuloj
aŭ por naz-... purigi°. *zijn neus snuiten*
Ĉu vi jam aŭdis pri larmoj de **krokodilo**?
Alivorte tiaj estas...? nesinceraj larmoj,
hipokrita° tristeco. *schijnheilig*
Z.: Larmoj **pravecon**°... ne pruvas . *gelijk hebben*
Do oni ne lasu sin influi° per *beïnvloeden*
ies° larmoj, emocio? *iemands*
Z.: Larmoj **ŝuldon**... ne pagas. =?
Bedaŭro ne nuligas ŝuldon nek respondecon.
Z.: **Larmo virina** baldaŭ sekiĝas.
Ĉu jen ne skandala opinio? Ĉu tia larmo ne
estus sincera, ne grava? Aŭ kontraŭe /male
ĉu virino estas tiom forta, ke ...

**ĜENERALA IMPRESO**

La poemo estas konstruita en kvin strofoj de kvin versoj. Ĉiu strofo komenciĝas per la anonco de la sensorgano°, kiun ni uzas *zintuig*
por ĉiu sensaĵo°. *zintuiglijke waarneming*
Poste estas donita ekzemplo de la sentoj, kiujn tiu sensaĵo povas instigi°, pozitivan *opwekken*
senton (ĝojo, admiro, scivolo, plezuro kaj danko), tuj sekvatan de negativa sento (perfido, mallaŭdo, antipatio°, sengusteco°), *afkeer, smakeloosheid*
La strukturo de ĉiu strofo estas la sama kaj ankaŭ la rimskemo (a-a-b-b-a) estas zorge respektata. Sufiĉe lerte° la poeto *handig*
sukcesas per sia versado° pritrakti kaj *rijmelarij*
la **sensojn**° kaj la **sencojn**° kaj *zintuigen, betekenis*
la **sentojn**°. *gevoelens*

La poemo inspiras nin ĉe la komenco de la nova jaro por esprimi kelkajn dezirojn. Ke en tiu nova jaro niaj okuloj povu esti surprizataj de beleco, niaj oreloj karesataj de harmoniaj sonoj, nia nazo ebriigata° de ĉarmaj aromoj, nia koro *bedwelmd*
dolĉe dorlotata°. *gekoesterd*
Ke la jaro estu vera frandaĵo°. *lekkernij*

**TRADUKEKZERCOJ**

**Solvo de la antaŭa**

1) Manke de/pro manko de pano la honto ne plu ekzistas. 2) Pro bezono oni faras multon, kion oni prefere preterlasus. 3) La timo pro la senfrukteco, vaneco, senutileco indulgas neniun. (Van Eeden). 4) Idilio estas la poezia pentraĵo de la vivo de simplaj, pur(anim)aj homoj, kiuj vivas en strikta rilato kun la naturo. 5) La vojo al la infero estas pavimita per bonaj intencoj, malgraŭ ke/kvankam oni decidas por la bono, oniaj bonaj intencoj neniam realiĝas. 6) Esprimo: La vermo de ĵaluzo ronĝas la propran koron. 7) Ĥimerkasteloj postulas altajn konservajn kostojn. (E. B. Lytton).

**Nova**

1) Om mijzelf te dwingen meer geld te verdienen, besloot ik meer uit te geven.
2) Het ontbreekt ons nooit aan geld voor onze grillen, wij marchanderen enkel over de prijs van nuttige of noodzakelijke dingen. (De Balzac).
3) Geld brengt alles naar een mens toe, zelfs zijn dochters. (id.).
4) Er is geen fort zo sterk dat het niet door geld kan worden ingenomen. (Cicero).
5) Het verstand effent voor het gevoel de weg; het gevoel leidt het verstand vaak op een dwaalspoor. (Baer-Oberdorf).
6) Het hart en het verstand zijn buren, ze eten met elkaar, ze brengen elkaar beleefdheidsbezoeken, maar vrienden worden ze nooit. (Ernst Marcus).

Emiel Van Damme
Albert I – straat 44
1703 Schepdaal

# ESPERANTO PUBLIKE

1] Broek op Langedijk, Noord-Holland

*Vandaag (t.e. 12-okt) een uitgebreid artikel over onze Esperantovereniging in het huis-aan-huisblad De Koerier dat verschijnt in Heerhugowaard en omstreken. Ook digitaal te lezen op: http://epaper.hollandmediacombinatie.nl/.../2016.../html/WB/DKR/* (pagina 7)

**Bert En Marjan Klijn-Zegers**

2] Pasinta lundo (hieraŭ – 1-nov) ree estis *Mondiale maandag* por Loesje. Refoje en Esperanto:

**ESPERANTO**

**ĈAR LANDLIMOJ**

**NE BARAS**

**SONOJN**

**Loesje**

*Vertaling: Esperanto. Want een landsgrens blokkeert geen geluid*

Kial ĉi-jare Loesje tiom ofte uzas Esperanton en sia kalendaro?

**Kees Ruig**

3] *Gelukkig ben ik door omstandigheden nogmaals in de gelegenheid mijn bijdrage te sturen.*
*Hierbij zend ik u opnieuw nu als "Bijlage" voor Esperanto Publike, een MOLENWIEKJE uit het blad De Geestmolen van augustus 2016.*
*Veel succes met de voorbereidingen*.

**Ans Heijstra-Valkering.**


MOLENWIEKJE

ESPERANTO-
VERENIGING ALKMAAR

viert in december haar
65 jarig bestaan

# RECENZOJ

En 2016 Impeto eldonis **Mi stelojn jungis al revado** de Mikaleo Bronŝtejn. Poiome mi -guis tiun libron pri la Esperanta agado kaj travivaĵoj de ruslandaj Esperantistoj inter 1917 kaj 1938. -Ĝui fakte ne estas la -ĝusta vorto por tia historio. Malgraŭ antaŭscio pri la fino de la esperplenaj jaroj, kiam la esperantistoj agadis kaj por Esperanto kaj por la revolucio, mi volus ke -ĉi-foje estos alie, ke ili povis daŭrigi sian laboron, ke simplaj homoj ne estos entirataj en pli kaj pli komplikan situacion. Kiel eviti premadon spioni siajn kunlaborantojn, geamikojn, kiam oni havas edzinon, infanojn? Kiel averti iun sen altiri atenton, danĝeron, al si mem?

La historio de homoj (ĉu «elpensitaj» ĉu veraj) kaj iliaj travivaĵoj, intermiksitaj kun artikoloj plej diversaj, ebligas simpatii kun ili, bedaŭri ilian ofte tre tragikan sorton. Antaŭ pli ol 50 jaroj miaj gepatroj havis kelkajn librojn pri la situacio en la Soveta Unio, kiujn ankaŭ mi legis – kaj en postaj jaroj mi pensis, ke ili estas kontraŭkomunistaj propagandiloj. Bedaŭrinde ne estis tiel: la vero estis eble eĉ pli terura ol mi eksciis el tiuj libroj.

Temas pri *Ik verkoos de vrijheid* (Mi elektis la liberecon) de Viktor Kravĉenko kaj *Ik was een Russisch meisje* (Mi estis rusa knabino) de Tanya Matthews (ŝi edziniĝis kun usona ĵurnalisto, se mi bone memoras.)

La libro mencias entombigon, al kiu oni alportas „parajn florojn"; temas pri bukedo kun para nombro da floroj. Tion mi konas de Rumanio, kie por vivantaj homoj oni ne alportu paran nombron da floroj, ĉar tio estas nur por mortintoj.

La aŭtoro opinias, ke ĉiu ajn verko povas esti vera (dokumenta), vereca (dokumentita, sed kun iom da fantazio de aŭtoro), aŭ versimila (fakte – bona fikciaĵo) kaj kredeble lia libro estas vereca, ĉar ĉiuj ĉef-eventoj vere okazis. Li inventis nur konvenajn parolojn kaj agojn por la roluloj. **Laŭ la postparolo la "elpensitaj" homoj kaj iliaj travivaĵoj estas versimilaj; iliaj travivaĵoj baziĝas sur tiuj de parencoj kaj gekonatoj de la aŭtoro.**

**Anneke Schouten**

# REVUOJ RICEVITAJ

***Norvega Esperantisto*** 3:2016, 4:2016: Kiel fartas la dana Esperanto-movado – aŭ la skandinava? Briteliro kaj Esperanto; ***La Revuo Orienta*** 1131, maj 2016, 1132, jun 2016, 1133, jul 2016, 1134, aŭg-sep 2016, 1135, okt 2016, 1136, nov 2016: Esperanto kaj Mi – Ma Young-tae (Koreio), Membro de Akademio de Esperanto; pri libro legita: lingvaj respondoj de ludoviko; ***Nova Irlanda Esperantisto*** 135, jul-aŭg 2016, 136, sep-okt 2016, 137, nov-dec 2016 recenzo pri Concise Encyclopedia of the Original Literature of Esperanto: pri bita eldono de *La inĝenia hidaldo Don Quijote de la Mancha*; ***Esperanto Aktuell*** 2016:3, 2016:4, 2016:5: Graz nun havas Esperanto-kafejon; 10-jara jubileo Herzberg am Harz – La Esperanto-urbo; Detlev Blanke: ein Leben für die Interlinguistik; ***Esperanto*** de UEA 1302, maj 2016, 1303, jun 2016, jul-aŭg 2016, sep 2016, – ĉiuj nepre ĝin jam legis; ***Kataluna Esperantisto*** 364-365, dec 2015: Justícia lingüística: com avaluar-la? ***Sennaciulo*** maj-jun 2016 (1331-1332), jul-aŭg 2016 (1333-1334): Genocido, por ke vivu la Granda Israelo; ***La Sago (Sat.amikara Gazeto)*** 109, jun 2016, 110, jul-aŭg 2016, 111, sep-okt 2016, 112, nov-dec 2016: Kapitalisma avideco en la amazona baseno; Moresneto; ***AEU-Bulteno*** de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo: apr-jun 2016, jul-sep 2016: Mia impreso en la 83-a itala kongreso de Esperanto, urbo Frascati; ***La KancerKliniko*** 159, jul-sep 2016, 160, okt-nov-dec 2016: Pri "brexit" kulpas EDE! "Mortis Ŝimon Peres, la paculo"; ***Kontakto*** 273, 2016:3, 274, 2016:4 : Kien iras la religioj?; ***NGGE-SCIIGAS*** okt 2916; ***LA KONTAKTO (Organo de Nosobe)***

# INVITOJ

Invito al la **94-a Germana Esperanto-Kongreso en Freiburg,** 2-a – 5-a de junio 2017.
Neuf-Brisach kaj Breisach Colmar, muzeo Unterlinden, telfero al Schauinsland.
La **kongresejo** estas la katolika akademio, tre konvena kunvenejo situanta inter la verdaĵoj de Stadtgarten kaj Schlossberg, rekte ĉe la urbo-centro.
Bedaŭrinde ĝi havas nur tre malmultajn ĉambrojn, kiuj estas rezervitaj prioritate por handikapuloj.
**Paco kaj milito kaj la komunikado** estas la kongresa temo. La ĉefprelegon kontribuos Jomo Ipfelkofer, pacaktivisto el Aŭgsburgo. Ankaŭ kelkaj ekskursoj tuŝas tiun temon.
Pliaj informoj baldaŭ aperos ĉe http://deutscher-esperanto-kongress.de/

## Jen du mallongaj postvenintaj notoj:

**Prof. Gobbo pri Brexit en *Linguaan*.**
La brila prezento de prof. d-ro Federico Gobbo en *Libera Folio* pri la novaj ŝancoj por Esperanto pro la adiaŭo de Britio al EU trovis indan tradukon en la decembra organo de nederlandaj tradukistoj kaj interpretistoj *Linguaan*. Sub la titolo "De EU na de brexit: een nieuwe kans voor Esperanto?" ĝin **kapable nederlandigis Marlijne Hemelaar**, kiu kiel gestolingva tradukisto por surduloj tiurevue jam ofte prezentis interalie raportojn pri niaj mondaj kongresoj.

**Puraj Pulmoj.**
La freŝdata numero de la organo de nia nefumula asocio *Puraj Pulmoj* ellogis krom ricevkonfirmojn unu rimarkon, ke mankas tempo ligi Esperanto-agadon kaj kontraŭtabakan engaĝon. Nenio devigas asocianojn aktivi por la celo de la fako. Sed ankaŭ la provo esperantigi novajn evoluojn en la faka tereno helpas vastigi la lingvomaterialan disponeblan por ĉiuj. Interesiĝantoj povas senpage ricevi la numeron retpoŝte, eĉ aliĝi al la vizaĝlibro: www.facebook.com/jan.bemelmans. **Ankaŭ la kupola asocio Internacia Scienca Asocio Esperantista meritas nian atenton**, eĉ se ĝia organo aperas preskaŭ nur rete.
Rob Moerbeek



# STUDIEWEEKEND - STUDOSEMAJNFINO

## Studieweekend nadert met rasse schreden

Van 3 t/m 5 maart 2017 ben je weer welkom op het studieweekend van *Esperanto Nederland*. Dit wordt deze keer gehouden in Stevensbeek, in Noord-Limburg.
Als je Esperanto wilt leren of hier al mee begonnen bent, mag je deze bijeenkomst niet missen! Een weekend lang intensief lessen volgen, in acht blokken van vier à vijf kwartier – je zult zien hoe je Esperanto met sprongen vooruitgaat.

Er wordt les gegeven op vier niveaus. Bij aanmelding kun je je niveau aangeven, maar mocht je jezelf verkeerd inschatten, dan is het geen enkel probleem om ter plekke naar een andere groep over te stappen. De grootte van de groepen varieert meestal tussen de twee en tien leerlingen. Niet te groot dus, waardoor iedereen voldoende persoonlijke aandacht van de docent kan krijgen.

Niveau 1 is bedoeld voor mensen die nog nooit eerder iets aan Esperanto hebben gedaan. Alfabet en uitspraak komen aan de orde, net als de beginselen van de Esperanto-grammatica en de basiswoordenschat. Na afloop van het studieweekend heb je een overzicht van het Esperanto en kun je een eenvoudig gesprekje voeren. Je hebt dus een stevige basis voor verdere taalverwerving.

Wie al bezig is met een beginnerscursus, kan het beste terecht bij de lessen op niveau 2. Hier wordt geoefend met spreken en teksten lezen, en gaandeweg komen nadere bijzonderheden van de grammatica voorbij en wordt je woordenschat uitgebreid. Er wordt veel Esperanto gesproken, maar de uitleg van lastige onderwerpen gaat nog in het Nederlands. Deze lessen vormen een perfecte aanvulling op een internetcursus.

Niveau 3 is weer een stap verder en richt zich op diegenen die al een complete beginnerscursus hebben doorgenomen. Je kunt je kennis in de praktijk brengen en verder uitbreiden en de voertaal tijdens de lessen is in principe Esperanto.

Veel gevorderde Esperantisten vinden het fijn om af en toe "op herhaling" te gaan om hun kennis bij te houden. Voor hen is het hoogste niveau, oftewel niveau 4. In deze lessen wordt natuurlijk alleen Esperanto gesproken; vaak is de docent of een deel van de studenten afkomstig van buiten Nederland, zodat er in de les een echte internationale sfeer heerst. Naast de taal komen Esperanto-literatuur en –cultuur aan bod.

Zo biedt *Esperanto Nederland* in het studieweekend voor iedere leerling een geschikt programma. Tussen de lessen door is er echter ook volop gelegenheid voor gezelligheid, uitrusten en het leggen van contacten. We hopen je te zien in Stevensbeek!
Voor meer informatie en aanmelding: http://www.esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php.
Namens de organisatie,
Arjen-Sjoerd de Vries



## La studosemajnfino rapide alproksimiĝas

De la 3-a ĝis la 5-a de marto 2017 vi denove bonvenos en la studosemajnfino de Esperanto Nederlando. Ĉii-foje ĝi okazos en Stevensbeek, en norda Limburgo.
Se vi volas lerni Esperanton aŭ jam komencis fari tion, nepre ne maltrafu ĉi tiun aranĝon! Jen semajnfino da intensa lernado, en ok lecionoj de kvar aŭ kvin kvaronhoroj. Vi konstatos ke via Esperanto mirinde progresos.

Oni instruos je kvar niveloj. Sur la aliĝilo vi povos indiki vian nivelon, sed se via memtakso montriĝos ne tute ĝusta, estos nenia problemo surloke transiri al alia grupo. La grando de la grupoj kutime varias inter du kaj dek lernantoj. Do la grupoj ne estas tre grandaj, tiel ke la instruistoj donas sufiĉe da persona atento al ĉiuj lernantoj.

Nivelo 1 celas homojn kiuj ankoraŭ neniam lernis Esperanton. La alfabeto kaj prononco estos traktataj, same kiel la elementoj de la Esperanta gramatiko kaj la baza vortostoko. Post la studosemajnfino vi havos superrigardon pri la lingvo kaj povos fari simplan konversacion. Do vi posedos solidan bazon por plua studado.

Tiu kiu jam okupiĝas pri komenca kurso, trovos nivelon 2 plej utila. Ĉi tie oni ekzerciĝos pri konversaciado kaj legado de tekstoj, kaj dume oni renkontos subtilaĵojn de la gramatiko kaj pligrandigos sian vortostokon. Esperanton oni multe parolos, sed klarigado pri malfacilaj temoj okazos ankoraŭ en la nederlanda lingvo. Ĉi tiuj lecionoj formas perfektan aldonon al reta kurso.

Nivelo 3 estas la sekva ŝtupo, kaj estas destinita por tiuj kiuj jam finis tutan komencan kurson. Eblos praktiki kaj pligrandigi sian lingvokonon, kaj dum la lecionoj principe nur Esperanto estos uzata.

Multaj spertaj esperantistoj ŝatas regule reiri al kurso por flegi sciajn sciojn. Ilin celas la plej alta nivelo, do nivelo 4. En ĉi tiuj lecionoj oni kompreneble parolas nur Esperanton; ofte la instruisto aŭ parto de la studantoj venas el ekster Nederlando, tiel ke vere internacia etoso regos en la grupo. Krom la lingvo oni studos la Esperanto-literaturon kaj –kulturon.

Tiel Esperanto Nederlando ofertas taŭgan programon al ĉiuj partoprenantoj. Tamen inter la lecionoj estos ankaŭ sufiĉe da ebleco por babilado, ripozado kaj renkonti novajn amikojn. Ni esperas vidi vin en Stevensbeek!
Por pliaj informoj kaj aliĝo: http://www.esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php.

Nome de la organizantoj,
Arjen-Sjoerd de Vries



# RAPORTAĴO



**Zamenhof-festo kaj honorigo en la Cseh-domo**

Kun 25 partoprenantoj en amikeca etoso denove okazis Zamenhof-taga kunveno en la Cseh-domo de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Den Haag.
Antaŭ la komuna lunĉo Istvan Ertl faris prelegon kun la titolo: “Galopa promeno tra la hungara Esperantujo beletra”.
Post la lunĉo Ed Borsboom estis la festa mezulo post pli ol 20 jaroj da prezidanteco de IEI. Post kelkaj programeroj (ŝerca skeĉo, kantado kun harpoludo) la estraro nomumis lin Honora Prezidanto de IEI. Krome li ricevis amiklibron, en kiu estas kontribuoj de diversaj personoj el pluraj landoj. Vidu ankaŭ www.iei.nl kaj la Fejzbukpaĝojn de IEI.

la laŭrokronito Ed Borsboom

Raportis Piet Buijnsters

# NEKROLOGO

**Edwin Burg (1925-2016)**

Je la 30a de Novembro mortis Edwin Burg.

Edwin naskiĝis en la iama kolonio Nederlanda Orienta Hindujo (nuna Indonezio). Post malliberigo en japanaj koncentrejoj dum la Dua Mondmilito, li en 1946 ekloĝis en Nederlando. En 1965 li lernis Esperanton kaj ekde tiam dediĉis sin al disvastigo de la lingvo, skribis leterojn al aŭtoritatuloj kaj artikolojn por ĵurnaloj, mecenatis plurajn Esperanto-organizojn. Dume li fariĝis estrarano de la Haga Sekcio de la Nederlanda unuiĝo LEEN.
Ekde 1979, tuj post lia emeritiĝo, li ĉiutage vizitis la oficejon de la Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Den Haag kaj poste establis kaj gvidis la tiean informejon Esperanto-Centro Nederlanda. Li eldonis skriban kurson kaj varbis plurdekojn da novaj Esperantistoj.
De 1995 ĝis 2013 li estis estrarano de IEI. En 2002 li fariĝis Honora Kunlaboranto de la instituto.

Ni rememoros lin kun granda aprezo kaj profunda respekto.

Nome de IEI
Piet Buijnsters




# ESPERANTO Studieweekend

**Voor wie?** *Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom.*

*Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.*

**Wanneer?** *Het volgende studieweekend vindt plaats van vrijdagavond 3 maart t/m zondagmiddag 5 maart 2017, in het Koetshuis van de Stevenshof te Stevensbeek (ten zuiden van Nijmegen).*

*De kosten voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp.(leden van Esperanto Nederland en NEJ betalen € 65,-).*

*In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee.*

**Meer informatie** *Website van Esperanto Nederland.* ***http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php***

**Vragen** *mail naar studosemajnfino@esperanto-nederland.nl*

**info@esperanto-info.nl**

**FENIKSO**
22a jarkolekto, n-ro 1
januaro - februaro 2017

*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenburchtweg 435
2284 TA Rijswijk

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas